# Boletín

## BULTENO DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO

Aperanta de 1949

Redaktisto: Miguel Gutiérrez Adúriz; Los Coteros 1-C, 2-I; ES-39600 Muriedas; Cantabria; liven@nexo.es

*Noto: Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la respektivaj aŭtoroj. La redaktisto rajtas rifuzi ne petitajn artikolojn.*

**Hispana Esperanto-Federacio**

**Rodríguez San Pedro 13, 3º, 7; ES-28015 Madrid; Tel.+faksilo: +34.(9)1.446.80.79 Konto ĉe BBVA (Caja Postal): 0182-2552-61-0204011.961 admin@esperanto-es.net www.esperanto-es.net**



## Enhavo




# 60a Hispana Kongreso de Esperanto

## Estrarkunsido

La HEF-estraro kunsidis en la Kultura Centro de San Javier (Murcia) la 23an de junio 2001 ekde la 16:15 horo. Ĉeestis: Miguel Ángel Sancho, José Mª Galofré, Pedro Garrote, Manuel Parra, Miguel Gutiérrez, kaj Augusto Casquero.



La Prezidanto cerbumas

### Pritraktitaj aferoj:

1- Libroservo.

Rafaela Urueña kaj Luis Hernández informis, ke ili plu plenumos mendojn nur ĝis decembro. S-ro Luis Serrano prezentis proponon transpreni la stokon de libroj kaj disvendadi ilin ene de sia jam funkcianta libroservo, tiel ke li enspezos 30 elcenton de la vendo-rezulto kaj la ceteron ricevos HEF (koncepto: "donaco"), kun kvitiĝo ĉiun sesan monaton, ĝis elĉerpiĝo de la stoko. HEF pagos la transporton de la tuto el Valladolid al Sabadell.

La estraro akceptas ĉi proponon kun du kondiĉoj: la biblioteko "Juan Régulo" prenos por si tiujn interesajn volumojn kiujn ĝi ne posedas, kaj oni apartigos tiujn titolojn konsideratajn ne vendeblajn (nul venditaj ekzempleroj en 5 jaroj) por oferti ilin al la grupoj nur kontraŭ pago de la sendokosto.

2- Hispana Kongreso en la jaro 2002

Jen aperis propono de Augusto Casquero organizi (sub sia respondeco) la Hispanan Esperanto-Kongreson de 2002 en Teruel aŭ en Salamanca, se ĝis oktobro ne prezentiĝas alia organizonta grupo. La estraro aprobas tiun proponon.

3.- Renovigo de la estraro

Ĝis nun la sekretario ricevis neniun kandidatiĝon por la estraj oficoj. Tiel, se ĝis la Ĝenerala Kunsido prezenti-

ĝos neniu kandidato, la eliranta estraro prezentos sian skipan kadidatiĝon por plu ofici ĝis la jaro 2005.

4.- Pri la planata nacilingva teksto en Boletín, la estraro decidas nun rezigni je la propono farita en la antaŭa kunsido, por eviti al ni problemojn. Manolo Parra oponas ĉi decidon, ĉar estas devo de HEF informi al la ĝenerala publiko.

*La Prezidanto*
*Miguel Ángel Sancho*
*La Sekretario*
*Manolo Parra*

# Libroservo

De 1985 Luis Hernández sindone zorgas pri la Libroservo de HEF, okupante sin pri la aĉetado kaj disvendado de libroj jen eldonitaj en Hispanio jen en aliaj mondopartoj. Nun la moderna teknologio kaj la tuja enkonduko de la nova monunuo, eŭro, starigas novajn defiojn kaj postulas ŝanĝojn en nia agadmaniero. Tial, Luis Hernández kaj HEF venis al la interkonsento meti finon al tiu servo fine de 2001.

Dankon Luis pro via bonega longjara laboro!

# Reeldonita!

Jen finfine aktualigita eldono de la bonega lernolibro de Fernando de Diego por hispanparolantoj "Nuevo método de Esperanto".

De Diego —klera vortaristo kaj tradukinto en Esperanton de

ĉefverkoj de Cervantes, Lorca, Cela, Marquez, Neruda, Hemigway, Balzac, Maupassant kaj multaj aliaj— instruas en 10 dialogoj (220 paĝoj) ĉiujn aspektojn de la Esperantaj strukturo, gramatiko, sintakso kaj metriko; krome, li proponas al la lernanto Esperantajn parol-turnojn, vortolistojn, multnombrajn praktikajn ekzercojn kun fina Ŝlosilo kaj laŭtema indekso.

Kompletigas la verkon informoj pri la praktika uzado de Esperanto kaj pri la E-asocioj en la hispanlingva mondo.

La lernolibro de de Diego estas la plej elstara atesto pri la lingvaj kaj kulturaj valoroj de Esperanto. Ĝiaj du antaŭaj eldonoj aperis respektive en 1982 kaj 1992 zorge de la societo "Heroldo de Esperanto" (ne konfuzi kun la nuna samnoma senrajta gazeto), kiu societo transdonis senpage siajn eldon-rajtojn al la Hispana Esperanto-Federacio.

La nuna tria eldono (7,52 eŭroj sen sendokostoj) aperas en la kadro de fakaj prilingvaj libroj de la Madrida eldonejo Gram Ediciones.

**60a Hispana Kongreso de Esperanto**

# Ĝenerala Kunsido

La 24an de junio de 2001 je la 11:45 horo, en la Kultura Centro de San Javier (Murcio), konforme al la kunvoko publikigita en la organo de la Asocio "Boletín", okazis la Ordinara Ĝenerala Kunsido de Hispana Esperanto Federacio. Ĉeestis 34 membroj, inter ili jenaj estraranoj: Miguel Ángel Sancho, Prezidanto; José Mª Galofré, Vicprezidanto, Pedro Garrote, Kasisto; Manuel Parra, Sekretario; Augusto Casquero kaj Miguel G. Adúriz, voĉdonantoj.



Ankaŭ la Prezidanto ĝuis traserĉante furoraĵojn en la kongresa libroservo. Ĉu li ĝuis ankaŭ apartan rabaton?

## Traktitaj punktoj:

a) *Lego kaj eventuala aprobo de la protokolo de la du antaŭaj kunsidoj.*

La sekretario laŭtlegis la protokolojn de la kunsidoj okazintaj en San Sebastián de los Reyes, jaro 2000, kaj en Castellón, jaro 1999. Ambaŭ protokoloj estis unuanime aprobitaj.

b) *Prezento kaj eventuala aprobo de la kontoj de HEF kaj de Libroservo.*

La koncernaj etatoj estis publikigitaj en Boletín n-ro 350. Cetere la kasisto disdonis inter la ĉeestantaj membroj fotokopiojn de la "Balance de situación" kaj la "Cuenta de Pérdidas y Ganancias", klarigante poste la plej gravajn punktojn de ambaŭ informoj. Tial ke neniu obĵeto estiĝis, la kunsidantoj aprobis ambaŭ kont-etatojn.

c) *Prezento kaj aprobo de la jarraporto de la estraro.*

La prezidanto laŭtlegis la raporton, fakte jam publikigitan sur la paĝoj de la asocia organo, Boletín 350. Post la koncerna voĉdonado, la jarraporto estis unuanime aprobita.

ĉ) *Propono por okazigo de la Ĝenerala Kunsido de HEF de la jaro 2002 en Verono (Italio), kadre de la Eŭropa Esperanto-Kongreso.*

Augusto Casquero proponis okazigi la venontjaran hispanan kongreson en Teruel aŭ en Salamanka, se ĝis oktobro ne sin anoncos organiza grupo. Darío Rodríguez sugestas Valencion

kiel kongresurbon pro ĝiaj evidentaj avantaĝoj rilate al transporto, loĝado kaj

instalaĵoj. S-ro Augusto respondas ke tiu propono ne estus oportuna ĉar Valencio deziras okazigi la jubilean kongreson de la jaro 2003. S-ro Tomás Ortiz preferas Salamanca ĉar ĉi urbo estos venontjare Eŭropa Kultura Ĉefurbo. Aliaj membroj reliefigas la avantaĝojn de ajna malgranda urbo, kia estas Teruel, ĉefe pro la eventuala apogo de la tiea registaro.

Fine, oni aprobas la proponon de s-ro Augusto Casquero, tiel ke la urbo kaj datoj restas ankoraŭ decidotaj.

Samtempe oni malakceptas okazigi la Ĝeneralan Kunsidon en Verono (Italio).

*d) La Prezidanto prezentas kaj legas la jarraporton de la jaro 200 de Fundación Esperanto.*

*e) Elekto de nova Estraro por la periodo 2001—2005.*

Tial ke neniu kandidato prezentiĝis, la antaŭa Estraro rekandidatiĝis por daŭrigi sian laboron dum kvar pliaj jaroj. La Estraro, kiel sciate, konsistas el jenaj personoj:

Prezidanto: Miguel Ángel Sancho Pardo

Vicprezidanto: José María Galofré Domingo

Kasisto: Pedro A. Garrote Escribano

Sekretario: Manuel Parra Benito

Vicesekretario: Marcos Cruz Martín

Voĉdonantoj: Luis E. Hernández García, Augusto Casquero de la Cruz, Miguel Gutiérrez Adúriz.

La aprobo estis unuanima.

*f) Demandoj, petoj, proponoj.*

1) La sekretario informis ke en la Estrarkunsido okazinta la antaŭan tagon, la Estraro decidis rezigni sian projekton aperigi en Boletín tekstojn en la diversaj lingvoj de la ŝtato.



Foto de la kongresanoj ĉe la enirejo de la kongresejo

2) Plej granda parto el la libroj de la Libroservo de HEF iros depone al la Libroservo gvidata de nia membro Luis Serrano, kiu de nun okupiĝos pri ĝia distribuado al la tuta lando, kontraŭ antaŭdifinita makleraĵo.

3) La Sekretario informis pri la nuna membronombro kaj la nombro de aliĝoj kaj malaliĝoj en la lastaj jaroj.

4) La Prezidanto skize priskribis la agadplanon de la Estraro por la kvar venontaj jaroj.

5) La Ĝenerala Kunsido gratulis estraranon Miguel Gutiérrez Adúriz pro lia ĵusa akcepto en la Akademio de Esperanto.

6) Ĉe demando pri la Granda Vortaro Hispana-Esperanta de Fernando de Diego, Miguel Gutiérrez informas ke la revizia laboro postulis pli da tempo ol estis antaŭvidite, kaj ke la aŭtoro ĵus decidis repreni sur sin la finpretigo de la verko.

Krome li aldonas ke antaŭ la fino de la venonta jaro la hispanlingva movado dis-

ponos novan vortaron kiu anstataŭos la malnovan vortaron *Lexicón Sopena*.

7) La Prezidanto de KAE kaj Vicprezidanto de HEF, s-ro José María Galofré, informas ke en la jaro 2004 okazos en Barcelono la Universala Forumo de la Kulturoj, kaj ke KAE jam komencis la necesajn demarŝojn por ke Esperanto estu akceptita en la programo.

Tial ke ne prezentiĝis pliaj traktendaj aferoj, je la 12:30 horo la prezidanto fermis la kunsidon.

La Prezidanto
Miguel Ángel Sancho
La Sekretario
Manuel Parra



Unua inaŭguro: la Skabenino pri Kulturo kaj la HEF-Prezidanto harde sed amuze luktas kun "nefalema" flago.



# La 60a HEK skize

De la 21a ĝis la 25a de junio, okazis en la belega apudmara vilaĝo San Javier (Hispanio) la 60a Hispana Esperanto-kongreso, kun partopreno de samideanoj el diversaj landoj, krom Hispanio: Portugalio, Rusio, Israelo, Britio, ktp.

Pozitiva surprizo por la konresanaro estis ne nur la ĉeesto de la urbestro de San Javier, s-ro , kaj la skabenino pri kulturo, s-ino , en la inaŭguro de la kongreso, sed ankaŭ la inaŭguro de "Plaza de Esperanto" (Esperanto-placo) fare de la skabenino pri kulturo de San Javier kaj la Prezidanto de Hispana Esperanto-Federacio, Miguel Angel Sancho. Kurioze, la inaŭguro okazis dufoje, ĉar la loka televidkanalo ne alvenis ĝustatempe.

Krom la bona klimato, la bona manĝo, la bonaj kaj malmultekostaj ĉemaraj hoteloj kaj la kutimaj kongresaĵoj: Inaŭguro, Fermo, Ĝenerala Kunsido, liverado de la premio Klara Silbernik, ktp., aparte notindas:

1— la hispanlingva prelego farita de samideano Jesuo de las Heras "El síndrome de Babel", kiu generis viglan debaton.

2— la Prezento de bunta bildvortaro en 10 lingvoj, inkluzive de Esperanto, eldonita de itala firmao (pri ĝi ni parolos en venonta bulteno).




Jesuo de las Heras kaj Tomás Ortiz



Jen bildo de la malfermo de la Kongreso kun la Urbestro, la Skabenino pri Kulturo kaj la Prezidanto de la Loka Kongresa Komitato, s-ro Celso Sánchez.




Je la dua... sukceso!

3— La bedaŭrinde tro mallongigita seminario de Miguel Gutiérrez "Eldonado de libroj, revuoj kaj bultenoj per komputilaj rimedoj", por kiu la Kongresa Komitato disponigis al la gekongresanoj ĉambron kun 20 komputiloj por mem labori kaj serĉi informojn pri Esperanto en interreto.

4— La klariga prezento de la ĝisnuna laboro farita rilate al la du preparataj vortaroj (la Granda vortaro de Fernando de Diego kaj la nova poŝvortaro Amika), kun multaj demandoj de la ĉeestintoj rilate al la traduko de plej diversaj vortoj, kio eblis danke al la komputilaj versioj alportitaj de la redaktoro de Boletín.

Cetere, kiel oni povas konstati per la fotoj, en San Javier grandega flago denove fonis malantaŭ la prezida tablo.

Dankon al la Kongresa Komitato kaj tre speciale al s-ano Tomás Ortiz, kiu faris sian eblon por la sukcesigo de la evento.

Venontjare ni revidos nin ne gravas ĉu en Teruel, Salamanko aŭ alia regiono de nia duoninsulo? Ni nur scias ke la kotizon ni pagos per eŭroj.

*M. Zocato Diez*



# Niaj Grupoj kaj Asocioj

## Andaluzio

* En Junio la andaluzia televidkanalo *Canal Sur* intervjuis S-anon David Galadí-Enríquez okaze de astronomia kongreso okazanta en Kordovo. Li aperis dum kelkaj minutoj parolante pri foraj planedoj, steloj, ktp en la informprogramo de la andaluzia televido je la 14:30 horo. David Galadí-Enríquez estas unu el la organizantoj de la kongreso.

Mi memorigas al chiuj ke David Galadí kunaŭtoras la libron La Kosmo kaj Ni, kuneldonitan de Fundación Esperanto kaj Flandra Esperanto-Ligo. David Galadí-Enríquez laboras en la Astrobiologia Departemento de la *Instituto Nacional de Técnicas Aeroespaciales* apud Madrido. Li lernis esperanton kiam li estis studento en la Gimnazio Séneca en Kordovo.

* La venontan 13an de oktobro je la 15:30 horo okazos la ĝenerala renkontiĝo de Andaluzia Esperanto-Unuiĝo, sub jena tagordo:

1) Legado kaj aprobo, se oportune, de la akto de la antaŭa renkontiĝo. 2) Monbilanco de la jaro 2000. 3) Buĝeto por la jaro 2002. 4) Instruado de Esperanto en Andaluzio. 5) Aĉeto de Kristnask-Loterio. 6) Nuntempa stato de la kampanjo "Esperanto en bibliotekoj". 7) Propagando de Esperanto en Andaluzio. 8) Aferoj rilataj al la oficialaj organoj "Monate ĉe Vi" kaj "Gazeto Andaluzia". 9) Propono por aliĝo al Esperanta Civito. 10) Nuntempa stato de la kampanjo "Eŭroparlamentanoj favoraj al Esperanto". 11) Demandoj kaj proponoj.

Loko de la renkontiĝo: *Centro Cívico* de Malago. Membro kiu ne ĉeestos, sed volas aŭdigi sian voĉon, kontaktu: Apartado 864; 29080 Málaga; esperanto@navegalia.com

* Eldonita de Esperanta Jura Asocio, kunlabore kun AEU, ĵus aperis la 5a numero de Jura Tribuno Internacia. La revuo estas prezentita en la oficiala kunveno de E.J.A., kadre de la 86a UK en Zagrebo. Ĝi enhavas jenajn artikolojn: La Rajto al Sana Medio, de D-rino M. Rafaela Urueña. Intelekta Posedaĵo laŭ Ŝari'a (Islama Juro), de Hussain Al-Amily. Mallonga Superrigardo de Internacia Patent-Sistemo, de Roland Rotsaert. Krome la numero enhavas recenzon de Dimitar Haĝiev pri la 5a volumo 5a "Bulgaraj Verkoj pri Internacia Juro"; tradukon de la Konvencio pri Agnosko kaj Ekzekucio de Eksterlandaj Arbitraciaj Decidoj kaj mallongajn informojn pri aferoj rilataj al juro.

Se la revuo interesa vin aŭ iel vi rilatas al jura mondo kontaktu kun: Jura Tribuno Internacia; Apartado de Correos 3142; E-14080 Córdoba; esperanto14@supercable.es

*José María Rodríguez*

# Balaraj Insuloj

La pasintan marton estis legata en la Universitato de Baleara Insularo la doktoriga tezo "Esperantista Movado en Majorko, 1898-1938", verkita de Xavier Margais Basi. La tezon ricevis la maksimuman kvalifon kiun oni povas doni en la universitato, t.e. *Cum Laude*. Ĝi konsistas el kvar partoj: Praesperantismo, Esperantismo en Majorko (1898-1918), Esperanto en Majorko (1919-1938), Kelkaj biografioj de esperantistoj.

Plej alte taksataj de la tribunalo estas jenaj punktoj: la vasteco kaj detalemo de la verko, la rigora metodologio, la originaleco de la temo, la kvanto da fontoj konsultitaj (orala historio, publikaj kaj privataj arĥivoj, bibliotekoj, ĵurnaloj ktp.), la malfacileco por trovi sufiĉajn informojn kaj dokumentojn ĉar multaj estis forbruligitaj aŭ detruitaj dum la hispana milito, la fakto ke la temo estas ektraktata laŭ historia vidpunkto, sed pri esperanto kutime oni parolas prefere laŭ lingva vidpunkto, la utileco de la laboro por reakiri historian memoron pri personoj kiuj batalis por siaj idealoj kaj la cito de multaj personoj kies nomo estas vere fama en la kultura medio de la katalunlinva landaro, sed de ne kutima perspektivo.

*Dario Rodríguez*




Majorkaj esperantistoj en la IJK de Strasburgo

# Eŭskio

* Finiĝis la E-kurso en la Instruista Altlernejo de la Vaska Universitato E-kurso. (Vidu raporton sur la 16a paĝo).

* La E-Grupo de Bilbao elektis novan estraron. Jen ĝia konsisto:

Prezidanto: Joxemari Sarasua Fernández

Vicprezidanto: Patxi de la Hoz Méndez



Japanaj samideaninoj vizitis la sidejon de la E-Grupo de Bilbao





La nova Prezidanto

Sekretario: Iñaki Vélez Ortiz

Kasisto: Sabin Orueta Mendia

Voĉdonanto: Jose Perez-Salado Kamps

* Kvar bilbaoanoj partoprenis la UK en Zagrebo. Inter alie, ili klopodis konatigi eksterlandanojn kun la urbo Bilbao pere de diversaj memoraĵoj ĝentile donacitaj de la turisma oficejo de nia urbo. Du el ili ankaŭ partoprenis la hispanan kongreson de San Javier.

* Kiel tradicie, je la komenco de oktobro ni organizos elementan kurson por komencantoj, malgraŭ ke dum la du lastaj jaroj tio ne eblis pro manko de gelernantoj.

Profitante la okazon, ni skribos al ĉiuj amaskomunikiloj de Bilbao kaj estos intervjuataj de kelkaj el ili.

*J. Miguel Garcia Iturrioz*

# Kanariaj Insuloj

* Kadre de la Festoj de la Kanaria Komunumo okazis unusemajna Libro Foiro. ESTO prezentis budon kun propagandiloj, televido, libroj, ĵurnaloj ktp, por montri nian kulturmondon al la ghenerala publiko. La stando grandis 12 kvadratajn metrojn kaj ĝin vizitis pluraj centoj da interesitoj. La budon ornamis ambauflanke du pentrajhoj de nia samklubano Luis Carballo, kiu bonege portretis D-ron L.L.Zamenhof kaj Pr-on Johano Regulo Perez.

La radiostacio de Kanarioj, Radio-Klub' Tenerifo intervjuis nin kaj petis informojn eĉ salutajn frazojn por la aŭskultantaro.



S-ro Leandro Trujillo prelegas okaze de la fermo de la universitata kurso kaj la disdonado de diplomoj al la gelernantoj



Komuna foto okaze de la fermo de la universitata kurso




Jen la interna aspekto de la tendo-stando starigita de ESTO



Ekstera aspekto de la tendo-stando sub la suna kanaria ĉielo

* En junio-julio *Club Hípico de Tenerife* proponis ekspozicion de pentraĵoj de Patricia Gonzalez Luis pri ĉevaloj sub la titolo "Ĉevaloj" (Tiel, kun ĉapelita litero).

* En junio okazis la oficiala fermo de la 3a Enkonduka Kurso al Esperanto kaj ties Kulturo, kiun gvidis la profesoro, s-ro Alejandro F. López de Vergara, en la Filologia Fakultato de la universitato de La Laguna. Partoprenis 22 gelernantoj, kiuj ricevis 3 oficialajn kreditojn, kiuj validas por atingi ajnan universitatan titolon.

*ESTO*

# Kantabrio

Rudolf Fischer kaj Heti, germanaj geedzoj, vizitis Santander'on ĉi somere okaze de ilia pilgrimado al Compostela laŭ la marborda vojo. Ankaŭ nia kataluna samideano Pako Belmonte vizitis nin survoje al Galegio.

# Kastilio

Nova Esperanto-Asocio estis jus kreita en Segovio. Oni prezentis Ĝiajn statutojn oni prezentis al la regiona registaro la 22an de Majo. La asocio nomiĝas: Asociación Cultural Esperantista Segoviana "Cesar de Monsteyrín Castillo" (Segovia Esperanta Asocio), honore al la forpasinta dojeno de la esperantismo en la kastilia urbo. Jen ĝiaj poŝta kaj reta adresoj: SEA; Avd. Obispo Quesada nº 14, 6ª D; ES-40006 Segovia; pavivalan@terra.es

*Pablo Vicente Valero*

# Katalunio

* Membroj de la E-grupo Jozefo Anglès de San Cugat del Vallès, Trinitat Garcia, Jaume Deltell kaj J. Colom, prezentis, laŭ invito, Esperanton al pli ol 100 gejunuloj ĉe la liceo "Istituto Angeleta Ferrer, okaze de la Internacia Lingvo-Semajno. Ankaŭ partoprenis la arangôn s-anoj Ricard S. Güell kaj Martí Guerrero.

*Trinitat Garcia*

* KAE (Kultura Asocio Esperantista) sendis formalan dankleteron al la urbestro de San Javier, pro la kontribuo de la Urbodomo al la sukceso de la kongreso, kune kun fotokopio de notico pri la kongreso aperinta en "Diari de Sabadell.

* La 7an de Julio okazis ĉe mara festo en *Vilanova i la Geltrú* (Barcelono), laŭ la devizo "Ĉiuj koloroj de la bluo". Partoprenis pluraj civitanaj asocioj, inter ili, la urba E-grupo, kiu disponis propran budon. Cetere, sur la ĉefa scenejo, koncertis la E-ensemblo "Kaj Tiel Plu".

*Darío Rodríguez*

* De la 29a Septembro ĝis la 6a Oktobro okazos la 9a Internacia Esperanto-Semajno de la Kulturo kaj Turismo en la kataluna turisma urbo Lloret de Mar, en la Gran Hotel Don Juan, apud centra bushaltejo. Hotelo havas naĝejon kaj troviĝas proksime de la plaĝo.

Aliĝo kostas 4.000 pesetojn. Hotelo, kompleta pensiono, 5.400 pesetoj po tage, en individua ĉambro, kaj 4.500 po persono en dulita ĉambro. Pagoj al konto 2100 3028 20 2200302850 de "La Caixa" (Plaça Eivissa, 6, Barcelona) au per poŝtmandato al Santiago Torné Grau, Apartado 423, 08200 Sabadell. Tel. 937275021 (Luis Serrano) kaj 937253421 (Santiago Torné). Retadreso: luis_serrano@mixmail.com

Lloret de Mar atingeblas trajne ekde Barcelono ĝis Blanes, tie aŭtobuso al Lloret (6 km.).

Kursoj, prelegoj, ekskursoj (antaŭvidita unu per ŝipo), "habaneras" kaj trinkado de "cremat" (flamigita rumo). Ankaŭ oficialaj UEA/ILEI ekzamenoj.

* Aperis la libro "Esperanto en la 21 jarcento" eldonita de Korea E-Asocio kun kontribuaĵo de nia samideano Giordano Moya. La libron, kiun BEC elektis por instruado ĉe sia supera kurso, oni povas akiri ĉe la barcelona asocio kontraŭ 15 eŭroj.




# Murcio

Duo Esperanto, muzikgrupo el Israelo, ludis pasintan majon en la Universitato de Murcio kadre de la 2a Trikultura Festivalo. La membroj de la grupo ne parolas Esperanton, sed elektis la nomon pro simpatio al la ideo de la lingvo.

*Jesuo de las Heras*

# Tutlande

* La ĵurnalo ABC (2001-05-04) publikigas artikolon de José Infante lau la titolo Esperanto.

* En la inform-bulteno de la entrepreno "Empresarios Agrupados" aperis artikolo pri la aŭtomata tradukado kun fotografaĵo de la stando de Esperanto en Expolingua kaj la ttt-paĝo de HEF.

k

* La somera revuo *MUY-extra 2001* prezentas tipan ekzemplon de nuntempa ĵurnalismo: provoka titolo, pli da bildoj ol da teksto, kaj supraĵaj asertoj kiuj misgvidas la leganton. Tio okazis pri, interalie, artikoleto sur la 47a paĝo rilate al Esperanto, titolita *¿Por qué no prosperó el Esperanto?* (Kial Esperanto ne prosperis?). Kompreneble, la redaktoro ricevis plurajn bone argumentitajn protestleterojn.

* La projekto "Filozofio en la hispana" (www.filosofia.org), aperigos la plenan tekston de libreto de Manuel M. Burgos *Un idioma para el mundo proletario: el esperanto* (Lingvo por la proleta mondo: Esperanto), eldonita en la libroserio "Cuadernos de Cultura" en 1933. (www/filosofia.org/ave/001/a047.htm).

La gvidanto de la projekto, s-ro Gustavo Bueno Sánchez, petas helpon de la esperantistoj por informiĝi pri la biografio de la aŭtoro. Bedaŭrinde "Analoj de la esperanta movado" tute ne mencias Manuel M. Burgos.

*M. Gutiérrez*



Valencianoj kaj murcianoj kunvenis en Alicante

* La revuo de la CNT de junio aperigis du raportojn pri la ĉi jara kunveno de esperantisto en Don Benito.

* Jorge Camacho ne plu membras en la Akademio de Esperanto, ĉar li demisiis la 14an de aŭgusto 2001.

*Manolo Parra*

* Ĉi somere Tele 5 prezentis, en pint-hora programo kaj pli amplekse, la filmon kiun tiu kanalo jam prezentis en unu el siaj teleĵurnaloj okaze de la 59a Hispana Kongreso de Esperanto en San Sebastián de los Reyes. Jen serioza laboro montras sin daŭre fruktodona kaj alportas bonajn rezultojn.

* La 14an de septembro SER, pere de la plej aŭskultata radioprogramo en Hispanio, "hoy por hoy", faris skizan sed pozitivan prezenton de Esperanto, kun legado de la poemo de Edgard Alan Poe "La korvo", kaj mallonga disaŭdigo de programo elsendita de Estona Radio. Kurioze, la parolistino, Ángeles Afuera, misprononcis kelkajn vortojn en nia lingvo kaj fuŝe tradukis la nomon de la programo. Tial Mi-

guel Gutiérez telefonis por korekti kaj afable proponi sin por ajna estonta helpo rilate al Esperanto. La rezulto estis persona telefonvoko de Angeles Afuera al nia samideano kaj denove favora prikomento sekvonttage en la sama programo.

*M. Zocato*

# Valencio



Esperanta etoso en Guardamar

* La 12a Kongreso de Valencia Esperanto-Federacio kaj Murcio okazis en la belega mediteranea urbo Alicante, dum la 12a kaj 13a de majo, en impona kaj bone ekipita kongresejo , kaj en agrabla esperantista etoso, kun partopreno de E-reprezentantoj el la kvar provincoj, Alicante, Castellón, Murcia kaj Valencia.

José Miguel Bernabeu bele kaj interese prelegis pri "Kiel funkcias Universo". La kongresanoj havis la eblecon viziti la grandan kaj historian fortikaĵon "Kastelo de Sankta Barbara", kiu havas belan vidon al la maro. Merititan omaĝon ĝuis nia veterana samideano Francisco Sánchez Antón, al kiu oni enmanigis belan memorŝildon, kaj poemon verkita de S-ano Canet.

Dum la fermo bele kantis la muzika grupo *Soncomson*, kiuj inter aliaj muzikpecoj prezentis du kantojn en Esperanto. Unu el ili estis nia himno, en bela versio, akompanata de gitaroj. Notindas ankaŭ la disdonado de riĉe presita turisma broŝuro, en E-versio,

pri la Blanka Marbordo, kio estis vera surprizo por la ĉeestantoj. Dum la Ĝenerala Asembleo oni aprobis okazigi la kongreson de la jaro 2002 en la vilaĝo "Vall d'Uxo" de la provinco Castellón, kies urba registaro elkore invitis tiucele. Famas en tiu turisma vilaĝo la "Kavoj de Sankta Jozefo", viziteblaj grandparte per subtera boato, laulonge de kelkaj kilometroj.

Adiaŭo okazis, kiel tradicie, ĉetable frandante valencian paelon.

* Kiel ĉiujare, jam de antaŭ multaj jaroj, la 2an de septembro okazis esperantsita renkontiĝo en Guardamar (Hispanio), sub la ombro de bela pinarbaro, ĉe la marbordo. Bone organizita de la samideanoj de Callosa de Segura, kun tre agrabla etoso, kun abundo de senpagaj manĝaĵetoj kaj malvarmaj trinkaĵoj, ebligis babiladi en Esperanto, interŝanĝi somerajn travivaĵojn kaj informojn pri la diversaj kongresoj.

Inter la plej interesaj eroj de la renkontiĝo troviĝis la kunveno por pritrakti la organizadon de la venonta SAT-kongreso, kiu okazos en la proksima urbo Alicante, dum la jaro 2002.

Partoprenis la renkontiĝon samideanoj el la provincoj Alicante, Valencia, kaj de la najbara regiono Murcio, krom ukraina samideanino kaj pakistana samideano.

*Augusto Casquero*






## PIV

Yves Peyrot anoncis ke la nova eldono de Plena Ilustrita Vortaro de Esperanto aperos verŝajne antaŭ la fino de 2001. Oni estas finpretigas nun ĝian lastan korektadon, kaj tuj ĝi pretos por la presejo Kava Pech el Ĉeĥio.

*Dario Rodríguez*

## Najado en Esperanto

La 11an de aŭgusto la stacio Vultava (Ĉeĥa Radio 3) elsendis mallongigitan version de la mondfama fabela opero Najado de Antonin Dvorak (1841-1904), kantata en Esperanto fare de majstroj de la Nacia Teatro en Prago. La libreton verkis Jaroslav Kvapil (1868-1950), esperantigis dr. Tomás Pumpr. Tra la vespero gvidos dr. Jan Kralik. Orkestro de Praga Radio sub gvido de Frantisek Dyk; La koruson de Praga Radio gvidis Jiri Pinkas.

## Jaro de lingvoj

La forumo kreita okaze de la "Jaro de lingvoj" sxangxis sian prezenton kaj ebligas al esperantistoj montri kiel ili uzas sian lingvon. Tajpu la retadreson: www.eurolang2001.org/eyl/forum/forum .asp? Oni rajtas elekti

lingvon... Kontribuo estus bonvena en minimume du lingvoj: la propra kaj Esperanto. Kompreneble, uzo de tria lingvo provus nian intereson al aliaj lingvoj!

*Juan Antonio del Castillo*

## Ekumena Diserva Libro

Laŭ nombro de la paĝoj, la nova ekumena preĝ- kaj kantlibro "ADORU" superas eĉ Plenan Ilustritan Vortaron. Sur 1.472 paĝoj ĝi prezentas kantojn, preĝojn kaj liturgiajn tekstojn el multaj lingvoj kaj kulturoj, kaj el diversaj kristanaj konfesioj. Ĉi libro estas unu el la malmultaj ekzemploj pri tio, ke esperanta verko povas multrilate superi siajn nacilingvajn ekvivalentojn. La verko ebligas al la uzanto konatiĝi kun la trezoroj de ĉiuj kristanaj konfesioj samtempe. Certe ĝi estas pozitiva paŝo survoje al la unueco de la kristanoj.

*Ulrich Matthias*

## Trovanto

La retkatalogo de Internacia Esperanto-Muzeo kreskas pli kaj pli. Atentu, se vi serĉas titol- au ŝlosilvortojn, vi havas du eblecojn: 1) uzi la trian registron de la "serĉado per registroj" (skribu ekzemple: europa unio); 2) uzi la kadron de la "serĉado per logikaj kombinoj" (skribu ambau vortojn de la ekzemplo en la saman kadron). Vi rimarkos, ke la rezulto aperos diversmaniere. La dua ebleco montros al vi pli rapide unu rikordon post la alia!

*Helga Farukuoye*

# E-kurso en la Vaska Universitato

De la 12a de februaro ĝis la 30a de majo 2001, disvolviĝis en Bilbao, en la "Instruista Altlernejo" ("Escuela de Magisterio") de la "Vaska Universitato" ("Universidad del País Vasco / Euskal Herriko Unibertsitatea"), E-kurso. Ĝi estis proponita de mi kiel libervola elektebla studobjekto, kun 4,5-kredita valoro (t.e., 45 horoj); instruado okazis po du tagojn semajne (la lundojn inter 15/16,30 h. kaj la merkredojn inter 16,30/18 h.); enskribiĝis 23 gelernantoj (el kiuj, 4 viroj kaj 19 virinoj); preskaŭ ĉiuj aĝis inter 21 kaj 23 jaroj; sukcese finis la kurson 18 (3 viroj kaj 15 virinoj).

Rimarkinda estas la fakto ke, unuafoje, Esperanto estis agnoskita, kiel oficiala studobjekto, de la Vaska Universitato; tiel, tiu ĉi aldoniĝis al aliaj 3 hispanaj Universitatoj, kie jam same okazis: Valencio, Barcelono kaj Kanariaj Insuloj.

Grava atingo, ne nur pro tiu oficiala agnosko, sed pro tio ke ĝi permesis propagandi, sufiĉe efektive, pri Esperanto, en universitata medio kaj ankaŭ pro tio ke, danke al diversaj instruhelpiloj tie ekzistantaj, eblis eksperimenti aliajn manierojn lernigi nian lingvon, malsimilajn al la tradiciaj en E-asocioj (lernolibro, vortaro, tabulo, kreto, ... kaj la instruista voĉo). Tiel, mi povis elpreni fotojn el Interreto kaj pro-



jekcii ilin sur ekrano; ĉiu el miaj gelernantoj havis komputilon por ricevi kaj sendi e-mesaĝojn, kio permesis starigi korespondadon kun eksterlandanoj; samtempe, per la sama medio, mi povis sendi al ili ekzercojn, novaĵojn, ktp.; ankaŭ ni povis spekti videofilmojn aŭ aŭskulti muzikon tuje, ĉar la aparatoj kuŝis en la klasĉambro mem.

Do, preskaŭ paradiza pejzaĝo. Tamen, la fina rezulto ne estis, almenaŭ por mi, tute kontentiga (kio, alie, estas io sufiĉe normala). Por ke ni ĉiuj pripensu, mi skizas ĉi sube kelkajn problemojn, kiuj iom baris la atingon de pli ambiciaj celoj:

1. La gestudentoj ne sufiĉe estimas la valoron de libervola elektebla studobjekto. Ni ne forgesu ke tiaj kreditoj atingeblas ankaŭ per, ekzemple, praktikado de iu sporto aŭ per enskribiĝo en gimnastikejo; sekve, ili konsideras ke tiaj kursoj devas esti pli facilaj kaj glataj ol tiuj de la "normalaj" studobjektoj, kio signifas studi ne

tro kaj la certeco ke ĉiuj sukcesos la ekzamenojn sen troa peno.

2. Mi ne instruis en filologia fakultato; la gelernantoj estis aŭ estontaj infaninstruistoj aŭ estontaj laboristoj pri sociaj aferoj; do, ilia intereso pri lernado de nova lingvo, eĉ supraĵa lernado, aldonenda al tiu de la vaska (eŭska) kaj de la angla, ne estis tro granda.

3. Mi antaŭpardonpetas, ĉar lastatempe ŝajnas io hontinda kaj eksmoda paroli pri tio sed, ĉu mi rajtas skribi pri la "interna ideo"?. La unuan tagon, kiam mi staris antaŭ la gestudentoj kaj rigardis ilin, tuj mi komprenis ke ne temis pri la samaj, kiujn mi havis en antaŭaj E-kursoj, ĉu en E-rondo ĉu en urba kulturdomo. Ili ĉeestis la kurson nur "profesie", t.e., ili devas studi kaj studas, ne plu. Ĉu tio sufiĉas por entuziasme lerni Esperanton?; de la komenco mi pensis ke ne... kaj ne eraris. Esperanto estas io pli ol simpla lingvo, spite de alies opinioj.

4. Manko de taŭgaj instrurimedoj. Kiel mi skribis antaŭe, la instruhelpila sortimento estis sufiĉe riĉa, sed la materialoj, kiujn mi alportis, ne estis je la sama nivelo. Mankas (aŭ mi ne konas) lumbildoj (mi mem pretigis kelkajn, precipe historiajn), komputilprogramoj, kvalitaj sonkasedoj por instrui la lingvon, taŭgaj ne tro kostaj lernolibroj...

Por fini, restas la demando "kio pri estonteco?". Respondo malfacilas; la sperto



estis vere interesa kaj ĝi daŭrigos: la venontan lernojaron denove estos E-kurso en la Vaska Universitato; la ĉi jaraj travivaĵoj permesos (mi esperas) plibonigi la kurson tie kie plej lamis; ekzemple, la gestudentoj pli soifis pri sciado de la historio, celoj, filozofio, ktp. de la lingvo ol pli la lingvo mem. Cxu ne konvenus fari, en la Universitato, tiun enkondukon en Esperantion (historio, organizaĵoj, servoj, nuntempa rolo,...) kune kun tre elementa lernado de la lingvo, kaj lasi al E-kluboj la respondecon pri progresigo en la lingvo scioj?.

Rigardante pli antaŭen kaj prenante la certan hipotezon ke ni ne vidos, dum multe da jaroj, esperantologiajn oficialajn studojn ene de la universitatoj, malfermiĝas antaŭ ni la eblo uzi la tiel nomataj "virtualaj universitatoj", t.e., studobjektoj instruataj pere de interreto; per ili ni povus atingi pli da studentoj el ĉiuj fakoj de la koncerna universitato; facile rilatigi ilin kun la tuta mondo; eĉ ĉiu studento lernus dum libertempo, sen preciza horaro. Jen tio povus esti nia estonteco. Tamen, ĉu ni estas preparitaj por ĝi?

*Jesús-Miguel García Iturrioz.*

# 86a Universala Kongreso

La 86a Universala Kongreso de Esperanto, kunveninte en Zagrebo, Kroatio, de la 21a ĝis la 28a de julio, 2001, kun la temo "Kulturo de dialogo - dialogo inter kulturoj",

Notinte, ke Unuiĝintaj Nacioj nomis la jaron 2001 Jaro de Dialogo inter Civilizoj,

Memorigante, ke la Esperanto-movado havas longan historion de alproksimigo de la homoj sur bazo de egaleco trans bariloj de kultura diferenco, reciproka malrespekto, kaj eĉ militaj kondiĉoj, jam de la klopodoj de Zamenhof alproksimigi la mondajn religiojn, tra la agado de UEA por reunuigi familiojn dividitajn en la Unua Mondmilito, ĝis nuntempaj elpaŝoj, kiel ekzemple la utiligo de Esperanto por komunikadi inter indiĝenaj popoloj (la t.n. Indiĝenaj Dialogoj) kaj por alproksimigi la korean kaj japanan popolojn,.

Atentigas, ke

Kiel internacia lingvo neligita al ŝtataj au etnaj interesoj, Esperanto konsistigas idealan perilon de dialogo inter la kulturoj.

Tra pli ol cent jaroj, la komunumo de Esperanto-parolantoj kreis tradicion de dialogo transnacia kaj transkultura, kio plene meritas nomi ĝin dialoga kulturo.

Efika dialogo postulas respekton al lingva, kultura kaj idea diverseco, kaj bezonas ne nur mensan malfermitecon sed ankau la kapablon auskulti.

Aldone al siaj multaj rimarkindaj atingoj, Esperanto havas signifan neekspluatatan potencialon kiel dialoga lingvo.

Sekve, la Kongreso

— gratulas al Unuiĝintaj Nacioj kaj Unesko, ke ili decidis lanĉi klopodojn senpere alproksimigi kaj interkomprenigi la ordinarajn homojn, sen kies konvinko la registaroj estas esence senpovaj;

— aparte petas al UN kaj Unesko daŭrigi tiun ĉi kampanjon preter la jaro 2001;

— atentigas, ke tiuj klopodoj postulas proksiman kunlaboron de NROj;

— rekomendas, ke UEA proponu al UN kaj Unesko sian kunlaboron kiel organizaĵo unike bone kvalifikita por difini, en kunlaboro kun aliaj organizaĵoj, la eblojn kaj limojn de tia dialogo, kaj ĝin realigi;

— rimarkigas, ke efika dialogo inter diversaj kulturoj sur lingve demokratia bazo postulas prikonsideron de la bezono de nova internacia lingva ordo;

— apelacias al ĉiuj parolantoj de Esperanto, ĉiuj lokaj, regionaj, landaj, kaj internaciaj Esperanto-organizaĵoj, kaj ĉiuj, kiuj subtenas la celojn de Esperanto, kunlabori en la daura konservado kaj plifortigo de la dialoga kulturo, kiun prezentas Esperanto, kaj daure partopreni en la klopodoj de Unuiĝintaj Nacioj kaj Unesko krei dialogon inter la civilizoj je tutmonda skalo, kiu estas tiel esenca por la paca evoluigo de la homa socio.

# Disleksio



La revuo "Science & Vie" (Scienco kaj Vivo) de julio 2001 aperigis artikolon sub la titolo *Anglais, Français et Italiens inégaux devant la dyslexie* (Angloj, francoj kaj italoj neegalaj antaŭ la disleksio). En ĝi, la uzata esprimo "vera plago por la Anglo-Saksoj" havigas pretekston kaj okazon por rea pridemando rilate la tutmondan lingvan ordon: dum la angla estas la gepatra lingvo de 8% el la tutmonda loĝantaro, ĉu 92% el la teranoj devas rezigne akcepti kaj elteni "plagon", aŭ almenaŭ seriozan handikapon agnoskitan en Britio mem kiel tian dum ekzistas alternativo cetere prezentanta multajn avantaĝojn inter kiuj la neutraleco?

Ĉu ne estas kurioze, ke du el la lingvoj, kiuj pli estigas aperigon de tiuj neŭrologiaj perturboj koncernantaj la legadon, la reprodukton kaj rekonon de la skribita lingvaĵo estas tiuj favore al kiuj manifestiĝas la plej fortaj premoj por trudi ilin sur la internacia scenejo?

Jen la traduko de la artikolo sen ekzemploj:

«Studo publikigita en la [usona] revuo "Science" montras ke disleksio handikapas tre malmulte la italojn, multe la francojn kaj ke ĝi estas vera plago por la anglo-saksoj. "En Italio, la disleksio estas apenaŭ konstatebla, klarigas Jean-François Démonet, reserĉisto en INSERM [Nacia Instituto pri Sano kaj Medicina Reserĉado] kaj respondeculo pri la franca parto de la studo. Ĝi estas klara [laŭvorte: travidebla] lingvo, kiu skribiĝas same kiel ĝi aŭdiĝas. Neklara (laŭvorte: opaka) estas la franca en la senso de la skribo: se oni aŭdas vorton sen scio pri ĝia ortografio, estas malfacile diveni kiel ĝi skribiĝas. En la angla, la neklareco manifestiĝas krome en la senso de la legado. Tiu ĉi duobla neklareco faras el la disleksio handikapon aparte gravan por la parolantoj de la angla. Jen la kialo pro kiu, en Britio, la asocioj de disleksiuloj ĝuas certan rekonon." Por reprezenti la 62 fonemojn(1) de la angla, ekzistas ne malpli ol 1120 grafemoj(2). Dume la 36 fonemoj de la franca necesigas "nur" ĉirkaŭ 190 grafemojn.

Se temas pri la itala, ĝi posedas nur 28 fonemojn por 33 grafemoj [rimarko: en artikolo de la semajngazeto "L'Express" de la 29a de marto estas indikite 25 anstataŭ 28], kio lasas tre malgrandan lokon al ortografiaj eraroj! Ĉu la lingva diverseco estigas malsimilajn disleksiojn

Ĝi kontinuas sur la 23a paĝo. ▷

# Reage

La artikolo de Antonio Valén en la numero 351a de Boletín pri la "Estonteco de la kara lingvo", certe vekis la intereson de multaj legantoj. Mi samopinias kun li pri kelkaj aferoj, sed male pri aliaj, sed eble aliaj legintoj reagos. Tamen, mi deziras komenti du aspektojn kiuj aperis marĝene ĉe la fino de la artikolo, sed kiuj estas tiel ofte menciitaj en nia movado ke ili meritas ian malgrandan pritrakton.



Kabeintoj bonvolu pendigi ĉi tie sian esperantan kostumon

La unua estas la konsidero ke "... esperanto tiom plaĉas al teduloj, vorto-laksuloj, megalomaniuloj, skizofreniuloj kaj sociaj misadaptitoj ĝenerale". Tiun ĉi kaj similajn konsiderojn mi aŭdis multfoje, kaj mi demandis min ĉu ni vere estas tiel masoĥismaj ke ni ĝuas taksante nian movadon tiamaniere. Mi ne neos ke estas multaj stranguloj en nia movado. La mondo estas plena de stranguloj (ĉu oni diru ke feliĉe?), sed plej grave estas ke tiaj personoj svarmas en ĉiuj organizitaj grupoj. Mi estis aŭ estas ano de aliaj asocioj, tre diversaj, interalie de politika partio, de sindikato, de asocio de konsumantoj, de asocio de gepatroj de studantoj, de profesia kolegaro, kaj pluraj aliaj, kaj mi renkontis stranguloj ĉie, eĉ en la plej seriozaj, en proporcio supera al la averaĝo. Kaj tia proporcio evidente pli grandas kiam la nombro de anoj de la grupo estas pli malgranda.

Notu ke en la familia kaj profesia vivoj, ni klopodas elekti nian akompanantaron, kaj ĝenerale tion ni faras tiamaniere ke nin ĉirkaŭas personoj similaj al ni, sed tio ne ĉiam eblas kiam la grupo estas pli ĝenerala. Eble ni ne konscias pri tiu diverseco ĉar la regantoj de tiaj asocioj ne estas kutime elektitaj el inter la plej "specialaj", sed en la "bazo" la afero tute similas al nia movado.

Se vi deziras vidi ververajn sociajn misadaptitojn, ĉeestu kunvenon de alternativaj movadoj aŭ de minoritata religio! Kompare al tio Esperantujo aspektas preskaŭ kvazaŭ firmaoestraro.

La alia afero pritraktinda estas la uzo de la vorto "kabei". Kiel mi ĵus diris, mi estis ano de diversaj asocioj kiujn mi poste forlasis. Pro diversaj kialoj: seniluziiĝo, troo-kupiteco, ŝanĝo de miaj opinioj aŭ ŝanĝo de la asocio, kaj aliaj. En ĉiuj okazoj la sento estis ĉiam negativa ĉe la foresto: mi estis kutime tre engaĝiĝinta en la afero, mi estis dediĉinta multan tempon kaj eĉ monon, mi lasis tie amikojn. Mi faris mian de-

cidon sed mi ĉiam bedaŭris la foreston. En nia lingvokomunumo aspektas alie: ŝajnas ke forlasi la movadon (io tute normale, kio pruvas ke ni tute ne estas stranga grupo) kvazaŭ havas prestiĝon. Oni ne seniluziiĝas: oni *kabeas*. Kaj tio alproksimigas la forestontojn al tiu "genia kaj neniam komprenata" majstro. Do, la vorto "kabei" sonas kvazaŭ minaco, aŭ kvazaŭ desupra rigardo.

Mi tute malamas tiun esprimon kaj mi proponas ke oni enterigu ĝin en la rubrikon "arkaikiĝintaj terminoj" de la vortaro. Multaj forlasis kaj forlasos nian movadon, sed nur kabeis Kabe, kaj neniu scias kial.

*Toño del Barrio*



Homoj homu,
ŝafoj ŝafu.

## Estanteco de nia klara lingvo.

Mi ĵus legis la similtitolitan artikolon de Antonio Valén en *Boletín 351*, kaj mi saltis al mia komputilo, ĉar eble se mi repensas la aferon, mi malvarmiĝos pri ĝi, kaj neniam mi diros tion, kion mi subite sentis post atenta legado.

Mi timas, ke Sikosek jam kredis skolon. Bedaŭrinde. Mi konsentas, ke estas multe da kreteneco en *Esperantio*, la lando kiu esperinde neniam ekzistos. Mi tute ne laŭdas ĝin, kvankam mi sincere opinias, ke nia historio tute ne klariĝus sen ĝi. Mi opinias, ke *finvenkismo* estas religia rubaĵo, sed *defetismo* povas esti eĉ pli danĝera. Valén eĉ demandas sin pri tio, kio estas *esperantisto*. Lia multflanka respondo tute ne konvinkas min, ĉar en 1905 Zamenhof jam difinis ĝin: *ĉiu, kiu uzas Esperanton por kia ajn celo*. Ne kredas mi, ke estas kelkaj esperantistoj, kies celo por uzi Esperanton estas buĉi ĝin: ili simple ne povas senerare uzi ĝin. Fakte, malmulte da esperantistoj ne parolas erare, kaj mi ege suspektas, ke ne estas, ke mi jam trovis bonegajn parolantojn pri Esperanto, sed eble *nur* estas, ke tiuj homoj simple regas Esperanton *pli bone ol* mi! Ĉu oni devas ĝeni pro tio, ke oni ne parolas bonan lingvon (nenurpironestile)? Tute ne opinias mi tion. Esperanton oni ne kreis por anstataŭi denaskan lingvon, eĉ tiun de ĝisostan esperantiston. Mi dubas, ĉu Homaranismo estas bona religio. Esperanto, certe, estas malbona religio. Esperanto estu nur lingvo, aŭ Esperanto ne funkcios.

Aliflanke, kompari Esperanton kaj japanan —aŭ ian ajn lingvon— estas, laŭ mi, perdo da tempo. Oni ne komparas riveron kaj kanalojn, do kial oni emas tiel

ofte kompari la internacian kaj la anglan, ekzemple? Ĉu ni vere ne kapablas kalkuli, aŭ almenaŭ aldoni du kaj du? Kelkaj esperantistoj bedaŭras, ke nia lingvo ne estas sufiĉe *malfacila*, do ili prunteprenas *novajn vortojn* el naciaj lingvoj. Nacia lingvoj uzas ilin, evidente, ĉar ili ne povas agi alimaniere. Esperante ni povas uzi aliaj rimedojn por pliriĉigi nian lingvon sen malfaciligi ĝin samtempe. La angla tute nc estas *ĉiopova aŭ ĉiea*. Kiam mi kongresumis en Ĉeĥio antaŭ du jaroj, malmankis al mi la anglan: neniu scipovis paroli ĝin en Karlovy Vary! En Berlino mi sukcesis paroli ĝin kun taksiisto kaj kelnerino. Ni hispanoj emas kredi, ke *ekster nia urbo* —aŭ *ekster Hispanio*, se ni jam vojaĝis enlande—, ĉiuj parolas la anglan. Tio estas mensogo, kiun la *British Council* flegas per siaj milionoj da pundoj ĉiujare. Fakte la angla estas tre ŝovema lingvo. Mi nur notigu, ke vivanta *pig* (porko) ne rilatas multe al *pork* (porko), kiun oni manĝas. Oni povas insulti iun per la unua, sed per la dua oni tute ne komprenus onin! Eĉ se en la hispana oni uzas cerdo kiel la unuan, uzante puerco, oni tute komprenas, ke ni insultas same. Sekve, ni povus uzi ĉiam nur unu el ili, kaj oni komprenus nin ĉiam. Tio ne okazas en la angla, kaj sekve ni devas scii pli da vortoj por esti komprenataj. Oni povus pensi, ke tiamaniere, oni estas pli klera, kaj tiumaniere *oni povas distingi eliton disde la plebo*. Sed la *lokaj* anglaj vortoj de Londono ne estas la samaj, kiujn oni uzas en Liverpool, Glasgow, Bristol aŭ Novjorko. Fakte, laŭ vortaro, oni povas tre facile rangi en la plebo de unu urbo kaj samtempe en la elito de alia. Pro tio, kaj



**KABEINTOJ**

**DE LA MONDO**

**UNUIĜU!**

pro multaj aliaj kialoj sufiĉe priskribitaj de Claude Piron en sia mastra *Le défi des langues*, ni povas konkludi, ke estas sensence konsideri la anglan kiel malamikon de Esperanto.

Sed permesu al mi, ke mi parolu pri la estanto de nia *klara* lingvo. Mi jam asertis, ke per Esperanto oni povas esprimi sin tute klare, eĉ se estas ĉiam kelkaj boncelantaj esperantistoj, kiuj trovas eraron aŭ fuŝaĵon en niaj vortoj. La kompreno de nia mesaĝo estas, laŭ mi, la plej bona mezurilo pri la sano de nia parolado. Per Esperanto mi vojaĝas kaj jam konis kelkajn landojn en la mondo, kiujn mi ne konus, se mi ne ankoraŭ esperantistiĝis. Mi esprimas miajn sentojn ĉiutage per leteroj kaj mesaĝoj interretaj al amikoj en multaj partoj de la mondo. Mi eĉ parolas pertelefone. en

Esperanto ĉiun tagon. Mi ne nur praktikas, sed mi uzas ĝin por eksteresperantaj celoj. Pro tio ja estas lingvo. Oni ne parolas por plezuro, oni kutime parolas por io. La plej ofta utilo de Esperanto, estas por paroli sekrete pri personaj aferoj en plenplena kafejo, kie maldiskretaj oreloj neniam mankas. Ankaŭ, oni povas uzi Esperanton por pensi pli rapide ol aliaj lingvoj permesas al ni. Tio jam klarigis S-ro Piron per sia eltrovaĵo, *ĝeneraliga analogio*: tute ne ekzistas *fermitaj vojoj* en Esperanto, do ni ne perdas tempon dubante *ĉu oni diras aŭ oni ne diras tiel en Esperanto*: la mesaĝo pasas, ni estas bone komprenataj, do ĝi taŭgas.

Pro ĉio tio, mi tute fajfas pri la estonteco de alies *kara* lingvo. Ĉu mi amas Esperanton? Bone..., kion diri? Ĉu mi amas la aeron, kiu permesas min vivi kaj paroli? Ĉu mi amas miajn kalsonetojn, kiuj permesas min sidi senĝene? Ĉu mi amas la sapon, kiu ĉiumatene purigas mian okulojn kaj okulvitrojn, tiel, ke mi povas vidi tie, kie mi estas? Verdire, mi neniam demandas al mi pri tiuj *gravaj* sed banalaj aferoj. Mi nur uzas aeron, kalsonetojn, kaj sapon kiel periloj, same kiel mi uzas Esperanton kiel perilo en miaj rilatoj al aliaj homoj, kies rilato estas tute dezirinda. Vere, mi devas erari multe kiam mi tion faras, sed tio ne gravas. Gravas la rilato mem, ne la rilatilo. Tiu sinteno, mi kredas, progresigis kaj progresigas la hispanan kaj aliajn lingvojn, eĉ la anglan. Kaj tio progresigos la internacian lingvon ankaŭ. Pri ĉio alia mi prifajtas.

Klare via,

*Jesuo de las Heras.*

## Disleksio

## (daŭrigo)



laŭ neurologia vidpunkto? Studoj per tekniko de speciala bildaro (tomografio per disradio de pozitonoj) komparis la cerban aktivadon de samlandaj nedisleksiuloj. Rezultato: la malsupra parto de la tempia lobo (zono situanta rande de la kampoj aŭda kaj vida) estas sisteme en sub-aktivado ĉe disleksiuloj, kia ajn estas ilia lingvo.»

(1) Fonemo: la plej eta unuo de la parolata lingvaĵo.

(2) Grafemo: kombinaĵo de literoj ebliganta la transskribon de fonemo (a, ou, t, ch estas grafemoj) [rimarko: temas kompreneble pri ekzemploj el la franca: ou = u, ch = sh]

Nu, se temas pri la artikolo de "L'Express", jen eltiraĵoj interesaj aŭ... amuzaj!: «Fakte, la nombro de disleksiuloj en iu lando estas rekta respeguliĝo de la ortografia kompleksеco de ĝia lingvo. Da ili oni trovas malpli en la landoj kie la ortografio estas simpla. Sed, se la handikapo varias laŭ la lingvaĵoj kaj la kulturoj, ĝi havas ĉie kaj ĉiam la samajn neurologiajn bazojn."

"La angla, diris humuristo, estas lingvo en kiu oni skribas "elasta" sed prononcas "kaŭĉuko"!"»

Henri Masson (SAT-amikaro)

# Biblioteko

Jen la listo de libroj de la Libroservo kiujn HEF aldonos al la biblioteko Juan Régulo.

Eŭskalingva lernolibro

- Esperantoa ikasgai (Aitor Arana)

Hispanlingvaj Informlibroj

- Esperanto, El (Pierre Janton)

Esperantlingvaj Lernolibroj

- Esperanto aŭtodidakte (A. Childs-Mee)
- Internaciaj ekzamenoj UEA/ILEI Gvidilo al la elementa kaj meza niveloj
- Materialoj pri la nuna uzado de la akuzativo (D. Moirand)
- Mazi en Gondolando, ekzercu kaj ludu (B. Chmielewska)
- Tendaraj tagoj Vol.2 (S. MacGill)
- Tendaraj tagoj Vol 3 (S. MacGill)

Esperantlingvaj Vortaroj

- Etimologia Vortaro. Volumo 4 (E. Vilborg)
- Komputika leksikono(S. Pokrovsky)

Movado, Esperantologio

- Aboco de tempoplanado, La (L. J. Seeiwert) Konsilaro pri aktivuloj
- Analoj de la hispana esperanto movado 1a parte (A. Marco)
- Analoj de la hispana esperanto movado 2a parte (A. Marco)
- Beletro, sed ne el Katedro
- Esperanto, lingvo, literaturo, movado (Pierre Janton)
- Esperanto sen mitoj (Ziko Marcus Sikosek) kritika analizo pri la Esperanta informado
- Esperantonimoj (Marinko Givoje) antonimoj, paronimoj, sinonimoj
- Fenomeno Esperanto, La (William Auld)
- Historiaj Studoj (E. Drezen)
- Li kaj ni Volumo kun kontribuo de 49 eminentuloj
- Lingvaj aspektoj de Esperanto (B. Migliorini) Sep eseoj pri lingvistiko
- Lingvo kaj Vivo (G. Waringhien)
- Rikolto (J. Régulo Pérez)
- Rondo familia, La (N. Rasic) Esploroj pri la Esperanta komunumo
- Sercado de la perfekta lingvo, La (Umberto Eco/ D. Mistretta)
- Zamenhofa esperanto, Simpozio pri ata/ita

Poezio Esperante verkita

- Ekzilo kaj azilo (Emba)
- Eroj kaj aliaj poemoj (Marjorie Boulton)
- Kvaropo (Auld, Dinwoodie, Francis, Rossetti)
- Libro de amo (Peter Peneter)
- Merlo sur menhiro (Albert Goodheir)
- Meznokto metropola (K. Ungar)
- Naŭ poetoj antologio de naŭ famaj poetoj
- Ombroj de la kvara dimensio (E. de Kock)
- Plena poemaro (E. Mihalski)
- Rimleteroj (William Auld/Marjorie Boulton)
- Sur Parnaso (T.B. Carr)
- Tra l' silento (Edmond Privat) Lirika intima poemaro
- Versojn oni ne aĉetas (Kalomano Kalocsay)
- Vojaĝoj kaj aliaj poemoj (Edwin de Kock)
- Vojo kaj vorto (R. P. Nogueira)

Tradukitaj

- Amkantoj (A. March/A. Montagut)
- Floroj del' malbono (Ch. Baudelaire/Waringhien k. Kalocsay)
- Infero (Dante Alighieri/K. Kalocsay) Unua parto de la itala La Dia Komedio
- Miguel Hernández, poeto de l' popolo (Miguel Fernández)
- Spleno de Parizo, La (Ch. Baudelaire/Paul Lobut)

Scienco kaj Tekniko

- Al la tero returne (Gilbert R. Ledon)
- Ariadna fadeno (V. Szmurlof) Provo krei Enciklopedion pri Esperanto
- Arto kaj Naturo (R. Rossetti)
- Juraj vortoj kaj esprimoj
- Korpo de la homo, La ( H. Schicke)
- Mi resanigis PPPetron (P. Cimbur) kiel superi balbutadon
- Pri bredado de abeloj (A. P. Andersen/H. N. Nederland)
- Tertremoj, ĉu enigmo? (Daniela Deneva Power)

Teatraĵoj tradukitaj

- Aŭdienco (V. Havel/ J. Vondrousek)
- Dresado de la megero, La (W. Shakespeare/ G. C. Jervis)
- Epifanio (W. Shakespeare/W. Auld)
- Graveco de la fideliĝo, La (Oskar Wilde/William Auld)
- Reĝo Lear (W. Shakespeare/K. Kalocsay)

- Rikardo Tria (W. Shakespeare/J. Francis)

Romanoj, Noveloj

Esperante verkitaj

- Bestoj kaj homoj (Bernard Golden)

- Ĉu vi kuiras ĉine? (J. Valano)

- De vilaĝo al ĉefurbo (G. Koffi) Vojo de inteligenta kampara knabo al scio

- Dum vi estis kun ni (István Nemere) Streca detektiva romano

- El la vivo de bervala sentaŭgulo (Louis Beaucaire) maldeceta epizodaro

- Fajron mi sentas interne (Ulrich Matthias) Junulo serĉanta homajn kontaktojn

- Falantaj muroj (T. Steele) Travivaĵoj en Sovetunio, Pollando kaj Orienta Germanio

- Febro (István Nemere)

- Hura (Julio Baghy)

- Inferio (Bulthuis)

- Inter sudo kaj nordo (F. Szilágy)

- Kapturnoj (Higinio García)

- Karnavale (Abel Montagut)

- Kiuj semas plorante (Eva Tófalvi-Oldrch Knichal) Koko krias jam (Ferenc Szilagy)

- Kvar noveloj

- Lasu min paroli plu (Claude Piron)

- Majstro kaj Martinelli, La (G. Kamaco)

- Manto, La (P. Mõhrti) Psikologia analizo de diversaj homkarakteroj

- Memori kaj forgesi (Trevor Steele)

- Metropoliteno (V. Varankin) Autobiografia romano pri Moskvo kaj Berlino

- Monto, La (István Nemere) Primistera malapero de kvar soldatoj

- Nova vivo, La (Ivan G. Sirjaev) Pri la antaŭrevolucia Rusio



- Ombro sur interna pejzago (Spomenka Stimec) Intima aŭtobiografio

- Paneo, La (S. Elgo) 12 rakontoj de konata krimromana aŭtoro

- Ŝtona urbo, La (A. L÷wenstein) Juna keltino konatigas kun Romo kaj la fruaj kristanoj

- Sferoj 6

- Sferoj 10

- Sur kampo granita (István Nemere)

- Sur sanga tero (Julio Baghy)

- Ŝia lasta postkarto (Sergio Elgo) Mistera malapero de junulino

- Trezoro (R. Rossetti) Du volumoj de 100 aŭtoroj

- Unumane (J. H. Rosbach) Amdetektiva rakonto

- Viktimoj (Julio Baghy)

- Vitralo (J. Francis)

Tradukitaj

- Arbo de la sciado, La (Pio Baroja/Fernando de Diego)

- Blua hundo, La (G. Osorio/M. Fernández)

- Cikonikalifo (M. Babits/K. Bodó)

- Dezerto de la tataroj (D. Buzzati/D. Mistretta)

- Klera edzino (U. Gangopadhae/P. Dasgupto)

- Majstro kaj Margarita, La (Bulgakov/Pokrovskij) Pri Moskvo de la 30 jaroj

- Malica komizo , La (W. Fdez. Florez/F. de Diego) humura romano pri ekonomia krizo

- Memoraĵoj de eŭska bovino (B. Atxaga/A. Arana)Revoj kaj travivaĵoj de bovino

- Metamorfozo, La (Franz Kafka/Mauro Nervi)

- Milito kontraŭ salamandroj (K. Capek/ J. Vondrousek)

- Morto de Ivan Iljic, La (L. Tolstoj/ V. Melnikov) vivhistorio simplan kaj teruran

- Sferoj 4

- Sferoj 5

- Sferoj 7

- Songo kaj aliaj rakontoj (F. Kafka/W. Luttermann)

- Taglibro de Anne Frank

Infana Literaturo

- Asteriks ce la Olimpiaj Ludoj

- Asteriks kaj Kleopatra (Goscinny/ Korasic)

- Asteriks kaj la normanoj (Goscinny/Korasic)

- Krabo kiu ludis kun la maro, La (R. Kipling/A. Wandel)

- Plupo en la grandaarbaro (Inga Borg)

- Tinĉjo,la nigra insulo (Hergé/J. Danvy)

- Winnie La Pu (A.A. Milner/I. Kelleman)

Biografioj

- Zamenhof, aŭtoro de Esperanto (Marjorie Boulton)

Filozofio kaj Religio

- Aŭkcio de vivo (Lukiano/José F. Martín del Pozo)

Politiko

- Timor, la plej granda ekstermejo de la mondo (M. Faria de Bastos)

Miksita Literaturo

- Astura bukedo (Pluraj Aŭtoroj/Pluraj tradukantoj)

- Kolektanto de ĉielarkoj (T.Sekelj)



# Fundación Esperanto

## Programeroj por la jaro 2001

Ni jam informis sur la numero 351 de Boletín pri la programeroj de la Fondaĵo Esperanto dum la kuranta jaro 2001. Do, ni profitas denove ĉi tiun paĝon por memorigi pri la subvencioj oferitaj de la Fondaĵo, ĉar la limdato ankoraŭ ne finiĝis.

* Subvencio al tiuj grupoj kiuj prezentos Esperanton ĉe foiroj kaj/aŭ ekspozicioj:

FE proponas subvencion al tiuj personoj kaj grupoj kiuj prezentis la internacian lingvon kaj nian movadon okaze de ne-esperantistaj ekspozicioj. La subvencipeton akompanu informoj pri la nomo de la ekspozicio, dato kiam ĝi okazis kaj konkretaj agoj plenumitaj dum la evento. Se eble oni devas informi ankaŭ pri la kosto de la partopreno.



* Subvencio al la E-grupoj kiuj organizas kaj efektivigas kurson de Esperanto en hispanaj universitatoj dum la jaro 2001:

FE proponas subvencion al la grupoj kiuj efektivigas dum la kuranta jaro 2001 kurson de la internacia lingvo Esperanto en iu hispana universitato. La petanto devas informi pri la universitato kie okazas la kurso, akademia valoro agnoskita (t.e. kreditoj), mallonga raporto pri la kurso, nombro da gelernantoj kaj dato de la kurso.

* Subvencio al la eldonado de libroj en aŭ pri Esperanto:

FE proponas subvencion al la eldonantoj aŭ kuneldonantoj de libroj en la internacia lingvo aŭ pri Esperanto en Hispanio dum la jaro 2001. Oni devas informi pri la titolo kaj aŭtoro de la libro, eldonanto aŭ kuneldonanto, monato kiam ĝi estis eldonata kaj temo pritraktita de la libro.

La limdato por la ricevo de la subvencipetoj estas la 15a de decembro 2001. La peto kaj la necesa dokumentaro oni povas sendi al unu el jenaj adresoj: Fundación Esperanto; Cadena 20-22, 1° iz; 50001 Zaragoza. (Aŭ) José María Rodríguez; Apartado 3142; 14080 Córdoba. — (Fundacion_esperanto@hotmail.com) aŭ (esperanto14@supercable.es)

Ni atentigas la eventualajn interesatojn ke nur tiuj efektive plenumintaj la programerojn en 2001 rajtos ricevi subvencion.

## Libro

Fondaĵo Esperanto eldonis , kunlabore kun Flandra Esperanto-Ligo, la libron La Kosmo kaj Ni, galaksioj, planedoj kaj vivo en la universo, kies aŭtoroj estas la D-roj David Galadí-Enríquez kaj Amri Wandel. Unuafoje oni aperigas en Esperantio plena monografio pri moderna astronomio. La libro estas elementa kurso pri astronomio kaj ĝi konsistigas veran malibron pri teoria kaj praktika astronomio. La lingvaĵo kaj stilo de la libro estas facile komprenebla de ne-fakuloj, krome la bildoj de la libro, desegnitaj de D-ro Galadí, helpas kompreni pli bone la tekston.

La aŭtoroj estas bone konataj. La israela Amri Wandel estas profesoro en la Universitato de Jerusalemo kaj akademiano de Esperanto. La hispana David Galadí-Enríquez estas esploristo en la Centro de Astrobiologio apud Madrido, li lernis Esperanton kiam li estis studanto en Kordovo, la urbo kie li naskiĝis antaŭ 32 jaroj. Li estas bone konata de la hispana esperantistaro ĉar li prelegis pri astronomiaj temoj okaze de lastaj hispana E-kongresoj kaj li ankaŭ kunlaboras per sciencaj artikoloj en la hispana E-gazetaro (Boletín, Gazeto Andaluzia).

Ni konsilas al ĉiuj hispanaj esperantistoj aĉeti la libron. La kosto, 16 eŭroj, tute ne malebligas disponi pri ĉi altkvalita libro en niaj ŝrankoj. La kuneldonado de la libro fare de nia fondaĵo ŝuldiĝas al privata kontribuo kaj danke al ĝi ni deziras daŭrigi la tradician eldonan altkvalitan agadon de la Fondaĵo Esperanto.

# 11a Eŭropa E-Forumo

La unua parto de la forumo okazis en en urbo Jurmala (Latvio): simpozio " Ekologio en Norda Europo", dua parto okazis en Poprad (Slovakio): simpozio "Ekologio en Meza Europo", kaj tria parto en la fakultato pri Filologio de Valencio, de la 14a ĝis la 19a de julio.

Ĉi lastan parton partoprenis c. 200 homoj el Pollando, Latvio, Francio, Usono, Islando, Rumanio, Hispanio.

Okazis prelegoj pri "Naturprotektado", E-kurso kaj E-Festivalo. Apartan intereson vekis la "Sukcena vojo" kaj la ebleco kolekti sukcenon en Latvio. Cetere la partoprenantoj povis koni kun parton de la ekspozicio "Naturo en mi kaj ĉirkau mi" alportitan de Latvio al Hispanio.

La "E-Festivalo" okazis en Cheste, post ekskurso al vinfabriko kaj giganta paelo por 200 homoj, vespere prezentiĝis grupoj de Pollando: Babi Jagi kaj Ritmix de Torun kun modernaj dancoj kaj Esperanto kantoj, koruso de Janovec ankau kantis kelkaj kanton Esperante. La lasta, kaj plej forta prezentiĝis orkestro Veloce per elektronikaj instrumentoj.

Kompletigis la programon ekskursoj al Natura parko kaj lago Albufera.

*Mara Timermane.*

www.esperanto-es.net

# Reage... plu

## Pri la verda standardo

Amiko mia, profesoro de filozofio, klarigis al mi ke laŭlonge de la historio ĉiuj filozofoj verkis jen laŭ Platona, jen laŭ Aristotela Skolo. Tiele, ni povus konkludi ke post Platona epoko sekvas alia Aristotela epoko. Vidu vi mem parolojn de Zamenhof:

*"Profetoj kaj poetoj revadis pri ia tre malproksima nebula tempo, en kiu la homoj denove komencos komprenadi unu la aliajn kaj denove kuniĝos en unu familion. Sed tiu ĉi estis nur revo."*

Dum la tuta deknaŭa jarcento kaj ĝis la fino de la unua mondmilito —aŭ pli precize post la dua mondmilito— la Eŭropa penso agis platonike ĝis la atingo de la nunaj tiel nomataj "Komfortaj Ŝtatoj". Tiuj homoj pensis, strebis kaj luktis iele romantike por ŝanĝi kaj plibonigi la antaŭajn mizerajn vivkondiĉojn. Ĉu ni povus diri kiel Zamenhof, ke "*ili revis pri tempo estonta, pri tempo tute nova kiam niaj filoj kaj nepoj vidos, sentos kaj ĝuos «tiujn mizerajn fantomojn»?*"

En tiuj tempoj la homoj devige are kolektiĝis kaj ope kunlaboris, luktis kaj revis. Sed kiel la homa strebo ĉiam estas peno unuopa, la platonika homo helpis sin per simboloj tiaj kiaj steloj kaj standardoj, kiuj materiigis kaj korpigis siajn proprajn imagojn en ion komune videblan, senteblan kaj allaseblan.

Kaj jen denove Zamenhof:

*"Kio estas la verda standardo?... por komercisto kiu uzas Esperanton por vendi siajn komercaĵojn,... por sportisto kiu uzas Esperanton por amuziĝi, nia standardo estas simpla signo de nia lingvo,... interkonsentita dekoracio por niaj kongresoj kaj institucioj, sed por Esperantistoj batalantoj... por krei neŭtralan fundamenton... ĝi estas io sankta,... la signo sur kiu ni marŝas al nia batalado... la voĉo kiu konstante memorigas al ni, nian laboron kaj nia espero por unu grandan rondon familian."*

### Pri Boletín

Darío Rodríguez proponas en numero 351 (paĝo 21a), ke la bulteno de la Hispana Esperanto Federacio estu en la hispana, aŭ en ĉiuj lingvoj de la ŝtato. Mi opinias, ke tio estus regreso. Por miloj —laŭ mia persona estimo— da hispanaj esperantistoj, *Boletín* estas la sola altkvalita magazino en Esperanto, kiun ili legas. En *Boletín* oni kutime publikigas aferojn, kiuj estas internaj al hispana esperantistaro. Mi ne kredas, ke publikigi ilin en la hispana utilus vere. Interna bulteno de esperanta asocio ne taŭgas, laŭ mi, kiel reklamilo aŭ informilo al neesperantistoj. Oni publikigu aliajn dokumentojn tiucele en la hispana aŭ en iu ajn lingvo, sed oni distingu la celojn, bonvolu.

*Jesuo de las Heras*

Poste li mem provas sed ne tute sukcesas konkretigi pri «detaloj»: *"Ne venis ankoraŭ la tempo; ili formuliĝos per si mem... per nia ĉiujara kunvenado kaj kunvivado..."*

Kaj ni nun demandu: En nia, ni nomu, Aristotela epoko, en nia Komforta Ŝtato, en kiu la homoj malfacile kuniĝas por ia komuna idealo, krom siaj propraj kaj nunaj interesoj, kion signifas la verda standardo? Kaj jen la fakto: "Junuloj en Esperanta kunsido forgesis pri la standardo." "*Ni pensis ke ni ne plu vivas en epoko kiam tiu flagego estis desegnita kaj uzita, malgraŭ la respektindaj opinioj de aliaj esperantistoj.*"

Kompreneble! Ili tute pravas! Hodiaŭ malfacilege ni trovus en nia ĉirkaŭo personon kiu tiom reve, platonike kaj romantike pensas kiel pensis Zamenhof dum la pasinta jarcento. La tutaj ŝanĝiĝintaj cirkonstancoj de la novaj tempoj klarigas la aferon.

Sed nun, ni demandu al Zamenhof: Ĉu vere venis jam "*la tempo kiam Esperanto fariĝinte posedaĵo de la tuta homaro, perdis sian karakteron idean?*"

Se jes, kia estas la nova vojo tra kie la Esperantistoj povas daŭrigi siajn paŝojn?

La junuloj ĉiam insistas pri la «Propagando»: "*La celo de la kongreso estis altiri la atenton de la amaskomunikiloj kaj utiligi ilin por propagandi ĝustan kaj nuntempan bildon de nia movado.*"

Ĉu vere tiel? Kia estas la nuntempa bildo de nia movado? Kaj ĝia prestiĝo? Mi ja scias ke Esperanto estas serioza afero, sed jam de longe mia intuicio pruvas al mi, ke neniu el miaj ĉirkaŭantoj samopinias. Kaj mi denove demandas: ĉu sub tiu laŭta propagando, eble subŝovus la junula amuziĝemo?

Grava afero estus konstati, ĉu ekde tiu pasinta kongreso la sinjoro urbestro vere interesiĝis aŭ ne, pri la *lingvo* Esperanto.

Sed la plej grava demando kiun ni devus fari estas: Ĉu la esperanta movado, en la nuna momento, havas sufiĉan kapablon por akcepti, instrui kaj subteni eblajn komencantojn?

Finfine vi junuloj aludas al Darwin: *Ŝanĝo estas la motoro de la evoluado."* Ĉu certe tio estas vero? Aŭ la evoluado estigas la ŝanĝon? Kaj vi junuloj iam pensis, ĉu post tiuj talibanaj frakasoj ni povos progresi?

Karaj amikoj: Esperanto aŭ esperanto (elektu vi laŭvole) en la nuna momento restas kiel vera senelira ciklo. Ni ne havas profesorojn ĉar ni ne havas lernantojn, kaj ni ne havas lernantojn ĉar ni ne havas profesorojn. Esperanto socie nur estos serioza afero kiam ĝi enradikiĝos en la Universitatoj, kaj por ke ĝi enradikiĝu en la Universitatoj necesas ke UEA—ILEI presu la oportunajn *Universitatajn respondojn* por faciligi studojn dum kvin kursoj, kiel alia ajn lingvo, kaj la eblaj interesiĝantoj povos serioze eliri kiel titolitaj profesoroj.

Finfine, klarigi ke mi (kompreneble laŭ mia esperanta vivo) tre ŝatas la verdan stelon, kaj neniam timis ke ĝi ruĝiĝos, eĉ des malpli pliobliĝos en pluraj blankaj steletoj kun stangoj blankaj kaj ruĝaj.

VALE.



# Lingva Angulo (16)

de Antonio Valén

## PARONIMOJ (3)

Ankaŭ en ĉi Lingva Angulo ni parolu pri paronimoj, t. e. pri vortoj preskaŭ samsonaj kun aliaj, sed sence malsamaj. Ĉiuj difinoj kaj multaj ekzemploj fontas el *Plena Ilustrita Vortaro* (PIV):

**legomo** en esperanto ne signifas *legumbre*, sed *verdura, hortaliza*: "ĉiu manĝebla ĝardena herbo (escepte de sukaj fruktoj kaj de spicaj herboj)": ***brasiko, karoto, pizo kaj laktuko estas legomoj***, *la coliflor, la zanahoria, los guisantes y la lechuga son verduras*. La hispana *legumbre* estas la esperanta **legumenaco**: ***fazeolo, kikero kaj lento estas legumenacoj***, *las judías, los garbanzos y las lentejas son legumbres*.

**gimnasto** estas homo praktikanta **gimnastikon**, t. e. la "arto pri ekzercado de la korpo per taŭgaj movoj, por ĝin plifortigi kaj lertigi". Kutime do ***gimnastoj gimnastas (aŭ gimnastikas) en gimnastejo per gimnastiloj***, *los gimnastas hacen gimnasia en el gimnasio con aparatos (de gimnasia)*. Kia galimatio!

Se **gimnastejo** estas *gimnasio*, kion do signifas la esperanta vorto **gimnazio**? Nu, simple "mezgradan lernejon" en Belgujo, Germanio kaj Ruslando, laŭ PIV. Verdire, mi neniam tre bone komprenis la insiston pri apartaĵoj de kelkaj eŭropaj ŝtatoj en la difinoj de nia aminda vortarego: same pri la PIVa **liceo**, alia tute ordinara mezlernejo -sed ĉi-foje en Francio kaj Italio! Se ne paroli pri la vorto **kolegio**, foje supera, foje mezgrada lernejo, eĉ jezuita...

Jen cetere la tuta eduk-serio: ***vartolernejo*** (*párvulos, jardín de infancia*), ***bazlernejo*** (*escuela de primaria*), ***mezlernejo*** (*instituto de secundaria*), ***altlernejo*** (*escuela universitaria*) kaj ***metilernejo*** (*instituto de formación profesional*). Ankoraŭ restas ***supera lernejo***, ***komerca lernejo***, ***teknika lernejo***, ***politeknika lernejo*** ktp, kies hispanigoj evidentas.

Fine: kurioze (kaj feliĉe) **instituto** ne signifas en esperanto "hispana mezlernejo" (fakte PIV avertas "evitinde estas uzi tiun vorton por edukejo"), sed "nomo de diversaj institucioj, precipe uzata pri altlernejoj, aŭ korporacioj

sciencaj kaj artistaj": ***la Pasteŭr-Instituto***, *el Instituto Pasteur*.

**pruvi** signifas *probar, demostrar*: ***pruvi la ekziston de Dio estas neeble***, *demostrar la existencia de Dios es imposible*; ***akuzi iun senpruve***, *acusar a alguien sin pruebas*; dum **provi** signifas *probar, intentar, poner a prueba, ensayar*: ***provi naĝi***, *intentar nadar*; ***(sur)provi veston***, *probar(se) un vestido*; ***provi motoron***, *poner a prueba un motor*; ***provi medikamenton***, *ensayar un medicamento*; ***tempo de provado***, *período de prueba(s)*. Jen iom stulta sed **tre** praktika frazo por enkapigi ĉi vortojn: ***mi provos pruvi, ke mi pravas***, *intentaré demostrar que tengo razón*.

Ĉar mi parolas pri ***provoj***, mi kaptu la okazon por diri, ke **intenci** "konscie kaj klare ekvoli fari ion en nedifinita tempo" ne signifas *intentar*, sed *tener la intención de*, nome: ***mi intencas akiri por mi bonan labor-postenon***, *tengo la intención de conseguirme un buen puesto de trabajo*; ***bonintencaj homoj***, *gente de buenas intenciones*; ***fari ion senintence***, *hacer algo sin querer*. Plej ofte *intentar* tradukeblas per **provi**, foje ankaŭ per **klopodi**: *Intentaré llegar antes de las diez*, ***mi provos alveni antaŭ la deka***.

# Platero kaj mi

## 4. La eklipso

Ni enpoŝigis la manojn nevole, kaj niaj fruntoj sentis la facilan flirton de friska ombro, same kiel ĉe la alveno en densa pinaro. Unu post la alia, la kokinoj kolektiĝis sur sia ŝirmita sid-stango. Ĉirkaŭe, la verdo de la kamparo malheliĝis, kvazaŭ kovrita per la viola vualo de la ĉefaltaro. La fora maro vidiĝis blanka, kaj pluraj steloj brilis pale. Kiel nuanciĝis la blanko de la terasoj! Sur ili, ni, etaj kaj ombraj en la relativa silento de la eklipso, diskriis unu al la alia pli malpli spritajn dirojn.

Ĉio taŭgis por rigardi la sunon: teatro-binoklo, lorno, botelo, fumumita vitro; kaj ĉiu loko estis oportuna: la verando, la krala ŝtuparo, la fenestro de la grenejo, kaj trans la bluaj kaj skarlataj vitroj de la korta pordo...

La suno, kiu momenton antaŭe faris ĉion du-, tri-, cent-oble pli granda kaj bona per sia ora kaj luma bunto, kaŝiĝis nun sen la longa transiro de la krepusko kaj lasis ĉion soleca kaj povra, kvazaŭ ĝi estus ŝanĝinta unue oron por arĝento, kaj poste tiun por kupro. La vilaĝo similis al groŝo, rusta kaj jam senvalora. Kiel etaj kaj tristaj aspektis la stratoj, la placoj, la turo, la padoj de la holmoj!

## Olafo








# JoMo Friponas!




JoMo ne bezonas apartan prezenton. Li estas bone konata, precipe inter gejunuloj, danke al sia koncertoj jen kun la bando Liberecanoj, jen sola. Nun, JoMo volis redoni en sia lasta disko tiun personan etoson kiu kutime li kreas ĉe siaj sol-koncertoj.

Sed JoMo estas fripono, kaj sentante sin libera en la tutnova studio de Vinilkosmo, kaŝite de la mondo, la kantisto ne povis ne aldoni al ĉiu kanto "kelkajn" pliajn akustikajn instrumentojn kaj voĉojn. Jen kial ĉi k-disko ne nur respegulas fidele la scenejan etoson de liaj koncertoj, sed ankaŭ ĝi surprizas nin per etaj plusoj.

La disko estas multstila kun gajaj kaj dancigaj kantoj latinamerikaj, kantriaj, slavecaj, kaj eĉ blusaj, kun tekstoj elvokantaj la e-movadon, pacon, amon, liberecon, apartan atentan zorgon al nia kara planedo, naturo, kaj la homaro.

### Ĉu vi volas danci?

Cetere, hispanlingvanoj aparte ŝatos la versiojn de "La Bamba" kaj de aliaj surprizaj titoloj.

Ĉi k-disko, unua registrita en la propra Son-Studio de Vinilkosmo, estas etos-krea, danciga, inda por varmaj noktoj de e-renkontiĝoj. Fakte, dum la IJK de Strasburgo la disko furoris!

Mendu ĝin ĉe via kutima libroservo aŭ pere de interreto: www.vinilkosmo.com




La Prezidanto kaj la skabenino, ĉu titolo por filmo?



Ana ridetas






Alia ridetanto.
Ĉu la kongreso estis tiel amuza?

Depósito legal Z-334-90. Presejo: Gráficas Aurora